**S ☆ E ☆ L**

Fondinto: "Avoto"
Kunfondinto: J.W. Leslie

Honoraj Prezidantoj:
"Avoto". Norman Booth.
Kolonelo D. H. Davis.
L. J. Van Gulck.

Prezidanto: John Berggreen,
Brattvollveien 23 c,
Nordstrandhøgda, Norvegujo.

Sekretario: J. K. Hammer,
Taxusstraat 7, Zaandam,
Nederlando.

Kasisto: David H. Withey,
21 Brookfield Avenue,
Waterloo, Liverpool 22,
Britujo.

Redaktoro: Hans Amund Rosbach,
Nergata 37 c, N-6500
Kristiansund N, Norvegujo.

La Skolta Mondo aperas kvarfoje en la jaro.

# IAM

mi revis pri eksotikaj landoj kaj aĉetis librojn pri vojaĝoj en la plej foraj landoj. Mia sekreta deziro estis fariĝi ĵurnalisto kaj mem plenumi la plej nervostreĉajn vojaĝojn por verki leterojn al mia gazeto.

Kaj mi fariĝis pastro.

Kiel pastro mi loĝoris en sudo kaj nordo, en montaroj kaj ĉe maro. Kaj spertis la belecon de propra lando.

En ferioj mi vizitis aliajn eŭropajn landojn. Inter ili: Nederlandon.

Kia lando! Verda ĝardeno sen iu ajn monto!

Mi kredas, ke tiam naskiĝis en mi la ideo prezenti ĉiam novan landon nia gazeto.

Kaj jen: "Nederlanda numero".

Kompreneble tio ne signifas, ke niaj konstantaj rubrikoj malaperas aŭ neglektiĝas. Se mi ricevas iun korespondpeton, ni havos ĝin. Mi provos iom pastre paroli, ĉar nia leĝo parolas pri devo al Dio. Ni redonos eĥojn el skolta kaj lingva movadoj. Mi certe bonvenigus, ke la legantoj sendus artikolojn pri motoro, velado, sporto - aŭ alio kio interesas gejunulojn. Ekzemple la nova muziko, kiu - tion mi konfesas - diras al mi nenion.

Karaj amikoj:

Nia gazeto ne estu mia gazeto!

Donas al mi plezuron fari ĝin - sed ĝi tamen estu nia!

Sendu sugestojn, ideojn, aŭ eĉ pli bone: Materialon.

Nun jam estas tro malfrue por tiu ĉi numero, sed novaj venos.

Nun: Via nederlanda numero.



Hans Amund

# J. K. H.



Ko Hammer

J. K. Hammer - ĝenerala sekretario de nia Ligo.

J. K. Hammer - konata nomo por multaj skoltamikoj en la tuta mondo. Sed kiu estas la homo kun tiu nomo?

Li naskiĝis en la jaro 1928.
Profesie li estas instruisto, unue en elementa lernejo, poste en baza teknika lernejo, kaj nun li instruas matematikon en ia duagrada teknika lernejo.

Lia familio:
Unue la edzino, kiu pacience toleras, ke la edzo ofte malaperas "supren", kie en malgranda, sed komforta angulo tuj sub la tegmento estas la "Centra Oficejo" de nia Ligo - .
Sen ŝia instigo kaj kunlaboro certe multaj taskoj tute ne solviĝus.

Cetere kvar infanoj, la aĝoj de 7 ĝis 15, vigligas la domon.

J. K. Hammer skoltiĝis en 1946, kaj dum ĉ. 20 jaroj aktive skoltis - kiel roverskolto, poste en diversaj rangoj, kaj fine kiel grup-estro.

La homoj, kiuj pli bone konas lin, scias ke li klopodas esti praktika kristano.

Tre grava en lia vivo estis, ke li devis militservi en Indonezio dum la liberiga batalo de tiu lando.
Ek de tiu tempo en lia koro kreskis la ideo, ke militoj ne taŭgas por la solvo de problemoj, kaj eĉ, ke por kristano la nura kunlaboro ne decas, kaj certe ne la uzo de la modernaj, popoldetruaj metodoj.

Sed - ĉar li mem ricevis la liberecon en 1945 per armita armeo - li ja povas respekti la homojn, kiuj havas aliajn ideojn pri tio.

## Volas Korespondi:



30 skoltoj de "Escuteiros de Portugal", grupo 19, Rua da Fundacao, 179, PONTINHA, Lisboa-4. Interesoj speleologio, montogrimpado, submara fiŝkaptado.

Skoltgrupo en Aŭstralujo Skribu al la adreso de nia Nacia Reprezentanto, S.H. Milligan, 274 Mt Albert Road, Surrey Hills, 3117 Vict.

Skoltgrupo en Svedujo. Adreso: Hallsbergs Scoutkår, Fru Strömbergsson, Garvaregatan 16, S-694 00 Hallsberg.

La skoltgrupo "Haagse Woudlopers", je adreso: A. Bloemhard, Hoefbladlaan 58, Den Haag.

Bildo de tiu lasta grupo troviĝas alie en la gazeto.

Bonan korespondon!



# KONTAKTO

Eble vi jam konas la belaspektan eldonon de TEJO.
En la venonta numero estos 4 paĝoj pri nia Ligo kaj la ĵamboreo.
Ĝi ankaŭ enhavos saluton al la skoltoj de Japanujo kun bondeziroj por la ĵamboreo en la nomo de TEJO kaj SEL.
La artikoloj estas plurlingvaj: la saluto ne nur estas en esperanto sed ankaŭ en la oficialaj lingvoj de la Skolta Movado: angla kaj franca, kaj kompreneble ankaŭ en la japana lingvo.
La gazeto estas bonega propagando por nia laboro. Tial nia Ligo presigis grandan kvanton por disdono dum la ĵamboreo.
Se vi deziras havi ekzempleron por vi mem aŭ por skolta amiko, mendu ĉe la sekretario per antaŭpago je lia poŝtĝirkonto 63 22 46.
La prezo inkl. afranko: *f* 1.00
rabatoj: 10 ekz. 25%
por pli ol 50 ekz 30%.
Por faciligi la pagon: 2 resp. kuponoj = *f* 1.00

# 1937

*La 5-a*

Multaj homoj en Nederlando ankoraŭ bone memoras tiun ĵamboreon, kaj la tre konatan kanton:

En tridek sepa jaro
okazos inda faro,
en Nederland' la ĵamborea fest'

Ĝi estis la lasta, kiun Baden Powell vizitis. Li estis 80-jara. Kaj kiam li prezentis la ĵamborean emblemon, li diris:
"Nun la tempo venis por mi, por adiaŭi. Mi deziras al vi vivi feliĉan vivon. Vi scias, ke multaj inter ni neniam plu renkontiĝos en ĉi tiu mondo..."

EMBLEMO.

La emblemo de la ĵamboreo estis la "jakoba stabo".
Tio estas tre simpla aparato, kaj konsistas el nur kelkaj bastonoj:



Sed jam dum pluraj jarcentoj maristoj uzas ĝin por la mezuro de anguloj.
Tiel ĝi fariĝis simbolo de grava laboro farita per nur tre modestaj iloj.
Tial la stabo ankaŭ povus servi,




**Novaĵoj el Portugalujo:**

Tridek skoltoj
Tridek skoltoj de la 19-a grupo en Lisboa nun havas specialan Esperantokurson sub gvido de la ĉefdelegito de Universala Esperanto Asocio,

# VOGELENZENG / BLOEMENDAAL

## *Monda Ĵamboreo.*

nuntempe, kiel simbolo por la laboro de nia Ligo.
Ankaŭ niaj rimedoj estas tre modestaj, kaj ni devas fari per ili tamen gravan laboron.
Sed, per unueca laboro de ni ĉiuj, ĉie en la mondo, ni certe havos sukceson!

S.E.L. en la jaro 1937.

SEL jam frue en la jaro aktivis por prepari kunvenojn de la membroj kaj ekspozicion pri nia Ligo, sed tiutempe la sinteno de la Skolta Movado estis kontraŭ nia lingvo, kaj fine oni eĉ malpermesis ĉian agadon!

De la tiam aperinta

De la tiam aperinta "Ĵamborea Bulteno" mi posedas kelkajn ekzemplerojn.

La postamilito tamen detruis ĉiun ŝpuron de la tiama redaktoro, J. L. Mol el Leiden.

28.750 skoltoj, el 54 landoj, partoprenis.

La ĵamboreo ricevis la krom-nomon "la pura": Oni muntis 120 pluvobanejojn kan 650 akvo-kranojn.
Trans la kanaloj en la tendejo oni konstruis 71 pontojn.

---

Jose Antunes.
La inaŭguro de la kurso okazis en solena kunveno sub ĉeesto de la Direktoro de skolta gazeto "Sempre Pronto" kaj aliaj skoltestroj.
La grupo havas tre interesan programon en kiu i.a. speleogio , submara fiŝkaptado, montaraj sportoj.
Adreso de la unua esperanta grupo en Portugalujo:
Escuteiros de Portugal, grupo 19,
Rua da Fundacao 179, Pontinha,
Lisboa 4.



La "Jakoba Stabo",

mezurilo por anguloj en la teren

---

Prenu laton (bastonon),de 1 met
kaj fiksu al ĝi alian laton,ĉe
fino, je rekta angulo.
La transversan laton vi dividu
kelkajn egalajn partojn per naj

Se vi nun deziras scii la angul
inter du punktoj,tenu la aparat
kontraŭ la vizaĝo, celu la mez
najlon (A) al la unua punkto, k
notu,kie vi vidas la duan punkt
(C).
Nun iom da geometrio lernas al
ke $\frac{AC}{AB}$ = Tangenso de la dezirat
angulo.
Por malgrandaj anguloj, la rila
samtempe donas la angulon en ra
ianoj.
Ekzemplo:
Se AC=7 cm, la angulo estas 0.0
radianoj = 4 gradoj.



# NEDERLANDO

## VERDA TREZORO!
## VERDA TREZORO?




Lando de verdaj, vastaj kampoj, kie muelejoj svingas la brakojn, kie loĝas ĉarmaj knabinoj kun blankaj ĉapeletoj kiel papilioj, kaj fortaj junuloj kun pantalonoj, nigraj kaj dikaj kiel balonoj.
Lando, kie antikvaj domoj respeguliĝas en la urbaj kanaloj, kaj en kiu ĉiu biciklas, de la plej eta infano ĝis la plej aĝa grizharulo.



Vere, tia Nederlando ankoraŭ ekzistas ie kaj tie.
Libreto de la ĉeĥo Karel Ĉapek, kun simplaj skizoj de la aŭtoro, donas ĉarman bildon de ĝi.
Vi klopodu trovi la libron en ia libraro.

Sed: bone sciu ke tio jam de longe ne plu estas la vera bildo de nia lando.



Nuntempe la homoj aspektas plej ofte same seninteresigaj kiel en aliaj landoj, kamentuboj malpurigas la aeron, kaj tiuj kanaloj, kiuj ne jam estas parkejoj por la aŭtomobiloj, ofte enhavas malpuran akvon.

Sed vere, vi ne fidu al miaj vortoj, sed mem venu por ekzameni!
Kaj certe vi trovos en la lando kaj en ĝia popolo multajn aspektojn, kiujn vi ŝatos!

---

<u>Libroj</u> pri Nederlando.

prezoj en nederlandaj guldenoj.

NEDERLANDO, nacio en Okcidenta Eŭropo. Eldono de la registaro, kun tre multaj faktoj pri la lando
*f* 4.00



NEDERLANDO -fotolibro- kun mallongaj tekstoj.

Belega, luksa libro!
*f* 31.50

NEDERLANDO - poŝlibro kun belegaj fotoj.
*f* 4.00

La prezoj estas inkluzive afranko.

Mendu ĉe:

L.E.E.N. libro servo,
Bornia straat 95,
Leeuwarden, Nederlando,

kaj pagu al la poŝtĝirkonto de la libroservo:

76 9 15.

---

La nederlanda poŝtmarko supre eldoniĝis 1962 en serio de kvin, la aldona pago iris al socialaj kaj kulturaj celoj. La bildita poŝtmarko montras parton de la bildo de Frans Hals:
Festmanĝo de la Oficiroj de St.a Georgo.

---



el: karel Capek
"Skizoj pri Nederlando."

UNU kvadrat-kilometro

por.... 390 homoj !

La areo de Nederlando estas ĉ. 34.000 kvadr.kilometroj
La loĝantaro estas proksimume 13 milionoj.
Tio signifas ke sur ĉiu kv.kilom.. loĝas preskaŭ 390 personoj.
Nur 6% de la areo estas nekulturita kaj nur 7% konsistas el arbaroj.
Tio signifas ke por vera skolta(!) tendaro preskaŭ ne estas loko.
Kaj oni nepre ne povas ie forhaki ian arbon, se oni ne havas specialan permeson por tio !
Pro tio, la planoj por la somera tendaro jam devas esti pretaj, kaj la tendejo mendita en la fino de la antaŭa jaro.
Eble vi nun komprenas, pro kio la nederlandaj skoltoj jam baldaŭ volas ricevi viajn proponojn por ia komuna tendaro !
En la lando estas 71.000 skoltoj.



S k o l t a   M u z e o.

Muzeo ? Nu , fakte ĝi estas nur tre modesta: nur unu ĉambro en la nederlanda ĉef-oficejo !
Tamen, ĝi enhavas interesajn bildojn el la historio de la nederl. skolta movado.
De B.P. ĝi enhavas bildojn, objektojn, leterojn kaj desegnojn, inter kiuj: ŝildo, kiun B.P. ricevis de Zulu-ĉefo.
Vi estas bonvena de lundo ĝ. vendredo, inter la 9-a kaj la 16-a h.
se la oficejo ne estas fermita , ekz. pro ferio dum la somero.
La adreso : Zeestraat 76,
Den Haag.



Nederlando

trans Oceanoj:

SURINAMO kaj la ANTILOJ.

En Sud-ameriko estas kelkaj insuloj, la Antiloj, kaj Surinamo, kaj ili estas la transmaraj partoj de la nederlanda reĝejo.
Per la "Statuto de la Reĝejo" ili ricevis aŭtonomion, kaj estas nun partoj kun egalaj rajtoj de la reĝejo, kvankam ne ĉiu estas kontenta kun la nuna situacio.
La transmaraj skolt-asocioj estis distriktoj de la nederlandaj asocioj, sed la Monda Skolta Konferenco en 1964 akceptis ilin kiel autonomajn asociojn.
La tuta loĝantaro de Surinamo estas 350.000, inter kiuj 1800 skoltoj.

Nederlando famas pro siaj artopentristoj.
Al la 350.a naskiĝtago de ebl la plej fama el ĉiuj:
Rembrandt,
la poŝto eldonis la memorserion de 5 markoj el kiuj ni montras parton de memportreto pentrita 1639.



# LAŬDO KAJ APLAŬDO

estas moneroj, kiujn la presisto ne akceptas. La Centra Komitato estas danka, ke pro sia laboro ĝi rikoltis multan laŭdon kaj aplaŭdon de vi ĉiuj.
Eĉ ĝi opinias, ke ĝi meritas ĝin nur parte. Sen niaj multaj kunlaborantoj en la tuta mondo ja neniu el niaj planoj povus sukcesi. Kaj vere, ni havis sukceson en la pasintaj du jaroj.
Tutaj skoltgrupoj nun lernas nian lingvon, kaj certe multaj sekvos en la venontaj jaroj. Tiel ni kune havigis al multaj skoltoj bonan helpilon en la internaciaj kontaktoj.
Tiel ni ankaŭ havigis al la Esperantomovado la komencon de nova generacio.
Sed ... antaŭ kelkaj tagoj venis de la kasisto la buĝeto por la venonta jaro.
Kaj ni povas nur diri:
Se vi vere deziras, ke ni daŭrigu la nunan laboron de la Ligo,
Se vi deziras, ke nia gazeto, "La Skolta Mondo", daŭre aperu en nuna formo kaj amplekso,
ĉiu el vi nepre serĉu kelkajn novajn pagantajn abonantojn aŭ membrojn.
Kaj certe tio estas ebla, ankaŭ en via lando.
Vi ne hezitu, sed tuj ekagu!




Antaŭ pli ol 1900 jaroj la apoatolo Paŭlo faris vojaĝon. Dum ĝi la ŝipo pereis ĉe Malto. Tion memorigas la apuda marko.

Legu pri tio en Apostolaj Agoj ĉap. 27 kaj 28.
Ankaŭ ni skoltoj volas vojaĝi kaj sperti danĝerajn aventurojn. Celo de nia skolta vivo ja estas esplori la naturon kaj kontaktiĝi kun ĝi. Kaj la naturo povas esti danĝera.

Ni volas spiti la danĝerojn, volas esti fortaj. Sed kelkfoje naturo estas pli forta ol volo.

Kelkfoje temas pri la naturo kiun ni renkontas surmare, en montaroj aŭ arbaroj. La plenkreskulo povas helpi la infanon, sed eĉ li povas vidi sian forton tro malgranda.

Alifoje temas pri la naturo en la homo mem. La naturo regas nian volon! Ni estas tro malfortaj!

Skolto konas vojon, kaj kuraĝas iri ĝin. Ĉar ofte peto pri helpo postulas veran kuraĝon. La skolto konas Dion - kaj scias preĝi pri helpo kaj forto.
Kelkfoje ni nomas nian malforton peko. Ankaŭ je tio Dio helpas.
Sed sciu, pekon al alia homo Dio ne povas pardoni se vi ne pardonpetas ankaŭ ĉe la homo.
Tio ofte postulas kuraĝon.

R.




La Esperanto-stando de Eddy Frederickx (N.R. de SEL en Belgujo) - kun barbeto kaj blanka trikotvesto - dum la "Herfstmale" - 1970 (jara kunveno de la geskoltestroj de V.V.K.S.) en De Kluis (la instruo-plenaera centro). Pli ol 2500 geskoltestroj ĉeestis.

La aktiva vivo de la Belga sekcio pli intensiĝis dum 1970.
La membronombro restis 22, sed la trimonata informilo eldoniĝas en 150/175 ekzempleroj.

La sekcio vendis 70 ekz. de Ĵamb. Lingvo, sed la intereso inter la skoltoj (125) irontaj al Tokio ne estas granda.
La sekcio aranĝis du ekzpoziciojn - dum jara kunveno kaj dum skolta jubielo en Leuven.

Skolta revuo, sendata al lupidoj, jun. kaj sen. skoltoj, roveroj kaj geskoltestroj, aperigis la unuan lecionon de Esperanto-kurso, kiu daŭrigos en 1971.

La permeson porti insignon "Esperanto-Interpretisto" bedaŭrinde retiriĝis. La sekcio petis renovigon de la permeso, kaj havas esperon je favora respondo.

---

## Insignoj

ronda.
diametro 22 mm.
orumita, kun du koloroj.

3 modeloj:
kun rekta pinglo.
kun fermita pinglo (broŝo)
por butontruo.

Havebla ĉe la ĝenerala sekretario. Prezo Ned. gld. 2.- inkl afranko.

Ni portu nian insignon!



Hispanujo
invitas al Internacia Konkurso de Infan-desegnaĵoj.
Estas la Centro de Esperanto Sabadell, Str. Gral. Mola, 99-Sabadell, Hispanujo kiu kunlaboras kun la loka ŝparkaso dum la Universala Tago de la Ŝparo, en oktobro 1971.
Desegnaĵojn oni sendu ĝis la 30a de aŭgusto, sur blanka papero 21 x 29 cm, per kiu ajn tutkolora tekniko.
Aĝogrupoj 4-6, 7-9 kaj 10-12 kun po tri kvalitaj premioj kaj aliaj stimuligoj.

El Germanujo (DDR)
venis broŝuro "Klereco por hodiaŭ kaj morgaŭ" kun valoraj informoj pri la lerneja sistemo en DDR.

TEJO
arangâs "diskutlaborkampon" dum 17-31 de julio en Rokaseko apud Monto-kasino en Italujo. Senpaga sed malgranda asekura kotizo.
Adreso: Nino Vessella,
via Panniglia 54, I-03030 Roccasecca Scalo, Italujo.

El Finnlando
ni ricevis leteron kun informoj.

La sekcio agadas kiel antaŭe sen grandaj rezultoj, sed kun ĉiama kontakto kun la skoltaj kaj la esperantaj sferoj.

La universitataj studoj forprenis la tempon kaj energion de nia N. R., kiu nun estas "kandidato pri filozofio". (Gratulon, Seppo!! )

Seppo gvidis kurson kaj aranĝis kunvenojn. Februare li reelektiĝis gildestro por la Akademia Skolta Gildo en Helsinki.
La Gildo eldonas informilon ĉiun duan semajnon, kaj Seppo trovis okazon informi pri Esperanto.

La samon li faris dum la unuhora radiodissendo en kiu li januare partoprenis kiel gasto.

Kvar el la finna sekcio vizitos la Londonan kongreson.

Skolta amiko en Brno
informas pri festotagoj okaze de la 70-jara jubileo de esp.-klubo de Brno 11-an ĝis 13-a de junio. La programo estas riĉa, la kotizo 20 Kĉs (aŭ duono por studentoj.)
Adreso de la klubo:
ZDENĚK HRŠEL, BOTANICKA 28, BRNO

Informojn vi povas havi ĉe:
Boris Uher, Strakateho 15,
Brno XV.

SAT
kongresos en Orsay apud Pariso 31-an de julio ĝis 6-a de aŭgusto
Adreso:
A.Sadier, 22, av. P.V.Couturier, bâtiment N.D., 93-Bobigny, Francujo.

## 57. U.K.



La preparoj al la Universala Kongreso 1972 jam komenciĝis. La kongreso okazos en Portland, Oregon, Usono. La kongresa emblemo estos silueto de Usono kun markita punkto de urbo Portland, kvinpinta stelo kaj teksto.

Ni esperas, ke la kongreso ankaŭ fariĝos stimulilo por nia usona sekcio!



Naciaj reprezentantoj:

| | |
|---|---|
| Aŭstralio: | S-ro S.H. Milligan, 274 Mont Albert Rd., Surrey Hills, 3127 Victoria. Telefono WF 7948. |
| Belgujo: | S-ro Eddy Frederickx, Paasbloemstraat 31, B-2060 Merksem-Antwerpen. Poŝtĉekk. 9978.93. Tel. (03)45 4.76. |
| Brazilio: | S-ro Euclides C. Soares, Av. Almirante Tamandare 979, Belem, Para. |
| Britujo: | S-ro C. Bardsley, 42 Westbourne Street, Oldham, Lancs. |
| Danlando: | S-ro Asger Petersen, Blistrupsvej 8, DK-2610 Rødovre. Telefono 707157. |
| Finnlando: | S-ro Seppo Tella, 9 kp, SF-55950 Imatra 95. Telefono 954-51130. |
| Francujo: | Monsinjoro Patrick Truchemotte, 76 Rue Lombard, Bordeaux |
| Hispanujo: | S-ro Pedro Marqueta, Fern el Catolico 3[illegible], 5° izqda, Zaragoza. Telefono 25 20 44. |
| Italujo: | Prof. Franco Tulone, Via Frangipene 8, 92019 Sciacca, Agrigento. Telefono 21.198. |
| Japanujo: | S-ro Sinzo Sumiya, Daido Kagaku Sooti K.K. 16, Suekirotyo Kitatu, Osaka. |
| Kanado: | S-ro John H.F. Hoyle, Box 421, Forest Ont.. Helpa N.R.: S-ro Paul Ronald, 45, 10th Ave., Roxboro, Queb. |
| Kongo: | S-ro Paul Deloin Nzemba-Paku, B.P. 198, Limete, Kinshasa. |
| Nederlando: | S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, Zaandam. Telefono (02980)-66931. Poŝtkonto 63 22 46. |
| Norvegujo: | S-ro H.A. Rosbach, Nergt. 37c, N 6500 Kristiansund N. Tel (073)-77620. Poŝtkonto 8 03 04 13. |
| Portugalujo: | S-ro J.P. de Melo, Rua Jacinto Nunes 17-3°Dt°, Lisboa I |
| Usono: | S-ro H. William Beare, 1007 Chicago Blvd., San Antonio, Texas 8 15 39. |

David Withey: telefono WAT 2936.
L.J. van Gulck: telefono 03-3688.08. Poŝtkonto Belga Skolta Esperanto-Sekretariato 327460.

LA SKOLTA MONDO. Memoru la limtempon. La datoj estas 1-a de Februaro, 1-a de Majo, 1-a de Aŭgusto kaj 1-a de Novembro.




"Haagse Woudlopers"
Dekstre: La kursgvidanto S-ro A. Bloemhard.
Tria e-dekstre: Skoltestro B.J.Wijmer, kiu sola vojaĝos al Japanujo tra Siberio. Dumvoje li vizitos kelkajn eksterlandajn skoltamikojn.





**LERNU ESPERANTON!**

REDAKCIO: N-6500 KRISTIANSUND